3.ª JARO N.º 41 MONATA ESPERANTO-GAZETO OKTOBRO 1938

# PoPola Fronto

INFORMA BULTENO INTERNACIA PRI HISPANA LUKTO KONTRAŬ LA FAŜISMO

ELDONO DE GRUPO LABORISTA ESPERANTISTA
REDAKCIO KAJ ADMINISTRACIO: STRATO MAR, NUM. 25 VALENCIA (Hispanio)

## SENDEPENDECO!

Kiam ni parólas pri nacia sendependeco, la rutinemaj profesoroj de rigidaj dogmoj preskaŭ konkludas, ke nia afero ne meritas subtenon de universalistoj. Konvenas do aerumi la temon: La vorto ŝovinismo estas fremda en Hispanio! Kurioza k reala estas la famo diranta, ke en rondo de diversnacianoj, oni konas la hispanojn inter tiuj, kiuj plej senzorge malkaŝas la proprajn erarojn. Tro modeste, la membroj de tiu ĉi antikva popolo, kiu rondigis la Teron per malkovro de Ameriko, konsideras, ke ekzotika nomo, sur la marko aŭ sigelo de varo, jam estas sufica garantio pri ties boneco.

Neniam ekzistis malamo, ĉe nia popolo, kontraŭ homoj el malsama lingvo, malsama raso aŭ malsama religio. Ni ja scias, en tiu ĉi punkto, ke pli ol unu kritikema leganto tuj memoros polemike pri la krimoj de la Inkvizicio k pri la maljusta forpelo de judoj dum pasinta epoko. Estu dirite nur kelkvorte, ke la Inkvizicio funkciis pli, kiel politika instrumento de reĝaj kamariloj, ol kiel purigilo de religia ortodokseco: ankaŭ pro similaj kaŭzoj, okazis la forpelo de la judoj. Klara pruvo pri tio estas la fakto, ke multaj judoj estis korifeoj en la kamariloj, dum multaj kristanoj estis viktimoj en la persekutoj.

Ne gastoj, sed samtendanoj estis ĉiuj eksterlandanoj loĝantaj en Hispanio, kvankam multfoje okazis, ke iu alinaciano venis, ne por akcepti nian civitanecon sed por ekspluati sian fremdecon, laŭ ofenda supozo, ke Hispanio estas iu sovaĝejo, kie la indiĝenoj ne scias trovi diferencon inter kristalo k diamanto. Eĉ en tia okazo, la plej karakteriza puno, plej tipa bonhumora sinteno, estas laŭtaj ridoj k spritaj mokoj por pruvi, per ŝercoj, ke la hispanoj ankaŭ scias distingi nuancojn inter stano k arĝento...

Sed ju pli milda estas la karaktero des pli akre, ĝi reagas antaŭ perfidaj rikanoj. Kaj, pro tio mem, Iberio--plej gastama socio, kiu ne ŝatis poluri nacian fieron --rigardante unue surprize, k poste suferante kruele, ia invadon de sia teritorio, fare de fremdaj legioj, staris subite, pro eksplodo de sankta kolero, k brave svingas nun, super la variaj flagoj de politikaj doktrinoj k sindikataj normoj, super privataj interesoj, la trikoloran standardon de sia nacia sendependeco.

Kaj tute certe, nepre venos la tago, pro la kuraĝo de la adeptoj de ĉiuj aliaj emblemoj, kiam triumfe flirtos tiu nacia tuko -plej internacia simbolo! —kiel premio al la volo de nia popolo, kiu devige militis kontraŭ fremda faŝista koalicio, rigardata ankoraŭ nun, kiel fratbatalo, tra la naivaj vitroj de kelkaj personoj el eksterlandaj medioj...

# LA GRANDA ĈANTAĜO

Eŭropo, dum kelkaj tagoj, travivis la angorojn de milita atmosfero. La postuloj de Hitler kontraŭ Ĉeĥoslovakio transformiĝis en ultimato, kies sekvo estis ĝenerala mobilizo en la minacata lando; kun imponaj preparaj k febraj ordonoj en ĉiuj ŝtatoj, kiuj subskribis interhelpajn kontraktojn kun la viktimo de la minaco. Aliaj nacioj, iel cirkulantaj en la orbito de la grandaj potencoj, publike forigis la ruston al siaj kanonoj k al siaj bajonetoj.

Oficialaj proklamoj alarme avertis la civilajn geloĝantojn, de la grandaj urboj k ĉefurboj, pri konveneco de rapida forveturo al foraj regionoj, dum oni faris suspektajn ekzercojn en la strataj lampoj k lanternoj de kelkaj kvartaloj. Sensaciaj titoloj de artikoloj revivigis bildojn, tre similaj al tiuj aperintaj ĉe fino de Julio de la jaro 1914ª. Oni disdonis kontraŭgasajn maskojn; oni pretigis kelojn kiel ŝirmejojn, oni vokis la virinojn por anstataŭi la virojn en vakontaj postenoj. Sed... kiam la konsternita eŭropanaro ŝtopis, per la manoj, siajn orelojn por ne aŭdi la fatalan eksplodegon, la eksplodego ne fondris, ĉar la ŝtormo estis nur dresita vento, kiun ventolis propagandaj aparatoj, en la diplomataj konspirejoj, por veki panikon ĉe la popolamasoj k, profitante tiun biologian staton, la aŭtoroj de la ĉantaĝo rabis al tiuj samaj timigitaj amasoj, aprobon k rezignacion—aŭ almenaŭ pasivecon—antaŭ la kanajlaĵo, antaŭ la plej monstra politika krimo, kiun faris rekte kontraŭ Ĉeĥoslovakio, k malrekte kontraŭ la tutmonda demokratio, la tutmonda reakcio.

Populara proverbo diras, ke la lupo neniam atakas la lupojn. Tiu ĉi vero, kodiaŭ, akiras reliefon se temas pri kapitalistaj lupoj, ĉar en tia okazo, por manĝegi freŝajn karnojn de honestaj popoloj, ili bezonas unue deflankigi la atenton de aliaj popoloj, kiuj, havante ankoraŭ forton krom honesteco, povus esti solida baro por iliaj malnoblaj intencoj. Pro tio estas necese tre lerte agi! En la triviala komedio, kiun ĵus ludis en München kvar politikaj histrionoj, du el ili, Hitler k Mussolini, majstris la rolon de banditoj k la du ceteraj, Chamberlain k Daladier, pretendis deklami vortojn de anĝeloj.

Tamen, post la kulisoj, la funebra kvaro planis konsente la murdon!

Sub la demagogia preteksto eviti militon, la kapitalismo cedas poziciojn—tre volonte!—laŭ jam kaŝe konsentitaj kondiĉoj kun la Faŝismo, dum siaj «demokrataj» agentoj «ŝajnas» cedi devige por eviti pli grandajn katastrofojn, kiam ĝuste la plej granda katastrofo estas tiu perfida metodo mem de iom-post-ioma cedado, ruza sistemo, kiu prezentas riverence en arĝenta pladо la katenigitajn korpojn, de tro multaj popoloj, al la nesatigebla faŭko de ilia plej kruela malamiko. Ĝis kiam daŭros sukcese tia maldelikata ludo?

Ĝis kiam la natura timo al ĉiu milito estos psikologia instrumento por paradokse plifirmigi, en altaj gvidaj postenoj, tiujn vampirojn, kiuj nepre bezonas por sin nutri la junan sangon elverŝitan sur la batalkampojn?...

Hispanio ne scias respondi tiujn ĉi lastajn demandojn; sed dum la estontaj proksimaj viktimoj ekdormas hipnote, aŭskultante la fiajn lulaĵojn de la faŝista pacifismo, la hispanoj, sopirante pri aŭtentika pacifismo, batalas por defendi la lojalan teritorion, kie regas la popolo, pri kies sorto neniam influos la barbareco de unuj, la hipokriteco de aliaj, nek la ĉantaĝoj de unuj k aliaj kune; ĉar se en München rendevuis, por sklavigi la mondon, la kvar spektroj—Pesto, Malsato, Milito k Morto—kiujn mencias la Apokalipso, en Hispanio ankoraŭ restas, por dignigi la homaron, tiu Idealismo, kies simbolon projekcias la hela figuro de la nobla kavaliro Don-Kiĥoto de Manĉujo.

**«Tuj post malapero de la fremda interveno, mi povas aserti, ke nova nacia politiko, sub firma kaj energia gvido, permesos al la hispanoj forgesi la nunajn tagojn de suferoj, masonante rapide la internan pacon!»**

*Vortoj el la solena deklaro, kiun faris doktoro Negrin dum lasta kunsido de la Ligo de Nacioj.*

# MOZAIKO

Akre daŭras la bataloj ĉe la pozicioj, kiujn niaj soldatoj rekonkeris trans la rivero Ebro. La malamiko volas elgorĝigi la dornon, k premante furioze neniel ĝi sukcesas regajni la perditan terenon: Ni posedas ankoraŭ nun preskaŭ ĉion akiritan en la komenco de la brava ofensivo.

● En Ekstremaduro, subite haltis la bombasta atakego, kiun la mastroj de Franko entreprenis en direkto al la minoj de hidrargo. Fortega k neatendita kontraŭstaro de niaj trupoj «kulpas» je la nuna kvieteco en tiu malproksima fronto.

● Laŭ regulo de la Konstitucio, la 1. de Oktobro kunvenis la Parlamento de la Respubliko en historia monaĥejo de antikva urbeto apud Barcelono; ĉeestis 200 deputitoj, kiuj aklame aprobis la faritan laboron de la Registaro en ĉiuj militaj aferoj. La ĉefministro, doktoro Negrin, montris la pretecon de ĉiuj politikaj partioj k sindikataj organizoj batali, sen ripozo, ĝis foriro de ĉiuj fremdaj intervenintoj. En sia dua kunsido la Parlamento aprobis la buĝeton por la venonta jaro, kiu montras per klaraj ciferoj kontentigan staton.

● Kamparana maljunulo el vilaĝeto de Murcia provinco ricevis la Medalon de la Devo, kiel merit례 premion al lia intensa laborado en kamparaj taskoj malgraŭ liaj sepdek du longaj jaroj.

● Aviadista serĝento, el la faŝista armeo, sub preteksto ĝui permeson en San-Sebastian fuĝis al Francio tranaĝante la landliman rivereton Bidasoa; tuj li venis en la zonon de la Respubliko por batali tre entuziasme apud la popolo.

● Revene el faŝista zono, iris al Bonaero, ĉefurbo de Argentinio, la hispana markizo de Salamanka, kiu en privata konversacio diris jenajn vortojn: «Nek la milito estas gajnita, nek oni povas aserti, ke oni ĝin gajnos!»

● La anglaj ministoj decidis akcepti k varti mil hispanajn infanojn. Tio okazis post vizito, al Hispanio, de la prezidanto de la Ministа Federacio Arthur Horner. Li estas vera anglo!

● Jen ekzakta listo k partianeco de la deputitoj, ĉiuj el la nuna hispana Parlamento, murditaj de la faŝistoj ekde la komenco de la ribelo:

| | |
|---|---|
| Socialistoj | 22 |
| Maldekstraj Respublikanoj | 8 |
| Moderaj Respublikanoj | 5 |
| Komunistoj | 2 |
| Centraj Respublikanoj | 1 |
| Katalunaj Aŭtonomistoj | 1 |
| ENTUTE | 39 |

La komentoj plene superfluas...

● Interese estas disvastigi kelkajn statistikojn pri elspezoj de la faŝistoj en la operacio preter la Ebro:

Superflugis 5.830 ĉasaviadiloj k 5.705 bombardaparatoj, kiuj ĵetis kvin milionoj da kilogramoj da eksplodaĵoj kun pli ol du milionoj da kilogramoj da ŝtalo. Kvin milionoj da litroj da gazolino malŝpareme eluziĝis.

Rilate homojn: mortintoj k vunditoj atingas la nombron da 60.000 personoj. La faŝismo estas nur tio.

● Fidindaj informoj asertas pri gravaj kvereloj inter la maŭroj, kiuj protestas kontraŭ la peza rolo — morti defendante siajn katenojn! — kiun ili ludas en la faŝista invadinta «naciista» armeo.

● La konata angla batalantino Emma Goldman plian fojon venis al Hispanio por travivi novajn aspektojn de nia milito k porti samtempe la varmajn salutojn de la internacia anarkista movado. En Barcelono, ŝi faris tiusence interesajn deklarojn al la popolfrontaj ĵurnalistoj.

● Sur publikan vendejon de Barcelono falis faŝistaj bomboj dum plena aktiveco. Mortis 32 virinoj k 18 viroj krom 124 vunditoj. La sciigo, kvankam ordinara, pro ofteco, ĉiam estas klara akuzo kontraŭ la tipaj metodoj de la internacia faŝismo.

● Gonzalez Peña, Prezidanto de la U. G. T. k ministro de Justeco, ĵus revenis el Meksikio, kie li partoprenis gravan laboristan Kongreson. Li emocie rakontis pri entuziasmo de la amerika laboristaro por nia afero.

● Pro la konkreta retiriĝo, de ĉiuj eksterlandanoj, kiun la Respubliko plenumas, la *demokrataj* amikoj de niaj malamikoj kolere konfuziĝas. Por kovri la ŝajnojn, la sekretario de la funebra Komitato de Londono ĵus veturis al Burgos, sidejo de la frankistaj bandestroj, por trakti k retrakti la retiriĝon de la italaj «volontuloj». La sekvo estas la reeksporto al Italio de dek mil vunditaj aŭ sentaŭgaj soldatoj, el tiuj, kiuj fanfarone venis por «ekskursi».

# LA JUNULARO KONTRAŬ LA MILITO

La Tutmonda Kongreso de la Junularo, kunveninta en New York, unuanime aprobis kun tondraj aplaŭdoj jenan rezolucion:

1.ª Stimuli la internacian unuecon k fratecon inter ĉiuj gejunuloj.

2.ª Kondamni ĉiujn ofendojn k atakojn kontraŭ sendependecon de la nacioj.

3.ª Aliĝi la junularo al plene aktiva agado kontraŭ la provokantoj de militoj.

4.ª Fari premon al ĉiuj registaroj, por devigi ilin doni helpon al la viktimoj k apliki sankciojn al la kulpuloj.

5.ª Kondamni la bombardadojn sur malfermajn urbojn.

6.ª Penadi favore al ĉiu ajna sistemo internacia por eviti, sen distingo pri rasoj, la konfliktojn inter la nacioj.

# NEKROLOGO

Nia hejmo montras funebrajn drapiraĵojn en omaĝo al la digna memoro de du karegaj membroj heroe falintaj, sur la batalkampo, kun verda stelo ĉe la brusto k kun insigno de leŭtenanto ĉe la maniko.

Kiam la doloro aperas pro ŝiraĵoj el propra karno, ne estas facile paroli. Ni diru nur, ke ili ambaŭ diligente studis en la Militista Akademio, k ili ambaŭ praktike konfirmis sian oficirecon en la avangardaj tranĉeoj, sen ia ripozo, ĝis kiam la Morto falĉis abrupte iliajn vivojn saturitajn de sana juneco k delikataj sentoj:

JOZEFO ESCRIG Unu el la iniciatintoj de nia gazeto; aŭtoro de la interesa artikolo *Postgvardia Fronto* en la 1.ª numero; konvinkita adepto de la ideo pri lingvo internacia k lerta instruisto de Esperanto.

SOTERO PEREZ Plej gaja vivoĝoja kamarado; eksa estrarano de nia Grupo; partopreninto en la 15.ª Kongreso de SAT en Parizo, fortika viro, malavara je siaj kapabloj, kiujn ĝentile li disdonis ĉirkaŭ si, kune kun sana ŝprucanta optimismo.

Ili ambaŭ jam ĝuas la eternan dormon, sed ilia ombro ĉiam staros antaŭ ni, postulante labori sen paŭzo en la tasko, kiun ili tiom ŝatis, k kiun ni ĵuris neniam forlasi.

Pacon k honoron al ci, ho karegaj fratoj!

# AL NOBLA ĈEĤOSLOVAKA POPOLO: SALUTON!

Ĉeĥoslovakio, demokrata insulo en mezo de faŝista maro, pro ega perfido de falsaj demokratoj, ĵus devis fordoni parton de sia teritorio al la nesatigebla stomako de la germana ŝarko. Ni, hispanoj, tro spertaj pri la sentaŭgeco de lirikaj platonaj frazoj, ne volas parkeri stultaĵojn en la dresita ĥoro de tiuj, kiuj kutimiĝintaj kompati ĉiam najbarajn suferojn certe ne pensas, ke eble baldaŭ venos la tago ĝemegi, ili mem, pro siaj propraj ĉagrenoj. En malfeliĉaj situacioj nur restas apude la veraj amikoj. Nun, kiam la bela nacio de Tomaso Masaryk konstatas ofendojn de malkaŝaj malamikoj aŭ hipokritaj «amikoj», la esperantistoj el la libera Hispanio ofertas al ĝi praktikan solidarecon per obstina batalo, renversanta la banditajn planojn de tiuj samaj faŝistoj, kies botoj, en la rabitaj ĉeĥaj teritorioj, premante la liberecon k ofendante la civilizon, eklipsas samtempe la verdajn stelojn de la tiea brilanta esperantismo.

Nobla Ĉeĥoslovakio: Saluton al ci, ĉar neniam ci estis tiel granda kiel nun! Neniam estis morale pli malgrandaj ciaj malamikoj! Tion ĉi laŭte ni proklamas, trempante en la feĉon de nia naŭzego tiujn, kiuj rikane cin profanis, k tiujn, kiuj skandale cin perfidis...

## ...ĈAR KLARA KAJ REKTA, KAJ TRE DIFINITA...

Nia pasintjara vojaĝo al Roterdamo k Parizo estis ja tiom riĉa en utilaj spertoj, ke ankaŭ nunjare ni intencis veturi al Londono k Bruselo, por persone porti tien—kune kun la pasio de nia epopeo—la varmajn salutojn de nia gazeto, k ĉerpi samtempe, el la fluoj de vivanta esperantismo, inspirojn k sugestojn por nia kara entrepreno. Konataj kaŭzoj estis baro rigora por efektivigi nian deziron. Tamen, iomete mildigis nian ĉagrenon la oportuna ekscio, ke la Ministerio de Publika Instruado decidis sendi oficialan reprezentanton al Kongreso de IEL, tre sukcese okazinta en Londono, komence de Aŭgusto. La mandaton, por tiu honora tasko, ricevis lojala samideano el Barcelono: elburĝa profesoro, kies sincera elpruvita neŭtraleco neniel egalas al stulta indiferenteco antaŭ krimoj de kanajlo. Kun la morala aŭtoritato de sia multjara pionireco, en la neŭtrala movado, nia kataluna samlingvano parolis salute, je nomo de la Respubliko, en la nebula urbego de l' *kavaliro* Chamberlain. La vasta ĉeestantaro, inter kiuj abundis fervoraj legantoj de nia bulteno, kun respekto k ne sen emocio, aŭskultis, el sobra buŝo de fidinda kolego, la konfirmon de multaj malnovaj diroj.

Ĉio estus glate disvolviĝinta, en la granda rondo familia, se ne sidus ankaŭ tie la italaj *familianoj*—servutaj delegitoj de Mussolini—kiuj, kolerigitaj, pro la majesta silento reganta en la salono kiel omaĝo al la suferoj de Hispanio, brue protestis k, meze de ĝenerala malaprobo, skandale foriris. Ili certe konfuzis kunvenon de liberaj sentemaj esperantistoj kun unu el tiuj periodaj farsoj, ĉe la Ligo de Nacioj, kie meĥanike papagas kolekto da pulĉineloj... Poste, en la gazetaj raportoj pri la solenaĵo, oni diskrete vualis la malagrablaĵon. Sed, faktoj restas faktoj! Kaj pura fakto estas, ke en la nunjara kongreso de IEL, demokrata manifestacio de supera kosmopolitismo, kun plaĉo aŭ sen plaĉo de kelkaj gvidantoj, nia brava afero gajnis multajn valorajn poentojn.

Ha!... Preskaŭ ni forgesis!... En la laborista kongreso de SAT, en Bruselo, neniu incidento ornamis la debatojn, ĉar laŭdaj vortoj pri Hispanio – pri aktiva batalo kontraŭ la Faŝismo! – estis kvazaŭ tabuo por la tre ĉastaj oreloj de pli ol unu sendogmulo.

# TAGO EN RIPOZO

EPIZODO TRAVIVITA KAJ ORIGINALE VERKITA DE LA POLA VOLONTULO

**JOŻEFO TENENBAUM**

Tago en ripozo! Nur nun mi komprenas tiun ĉi frazon. Eble, la leganto ne povas formi al si klaran ideon pri ties signifo; pri la signifo de la vorto «ripozo» tie ĉi.

Niaj tri baterioj estis anstataŭataj sur la fronto, por ĝui ripozon. Mi ĝojis pensante: La kamaradoj ripozos post longaj bataloj. Ili iom liberiĝos je la surdiganta krakegado de la kanonoj. Ili iom liberiĝos de rigora DEVO. Ili povos pli komforte spiri, pli reguli manĝi k pli trankvile dormi en la «sekura» ariergardo. Sed... mi sciis malmulton ankoraŭ. Fine, jam la baterianoj aperis en Bechi, pitoreska montara vilaĝeto. Ĉiu el ili serĉis lokon, laŭ pleja konveno. Dise ili ekloĝis, ekĝojis, ekripozis... sed nur *eke!* Jen, kamaradoj, kio okazis:

Frue, en la dua tago, venis nin viziti la bomboĵetuloj. Ili bombardis la ĉirkaŭaĵojn. Oni serĉis rifuĝejojn, kiuj fakte mankis. Kion do fari? Iel ni provis ŝirmi la korpon, kiam ili aŭdiĝis en la horizonto. Tamen, ne ĉiuj faris tion. Ĝenerale, estas malagrabla sento kuregi al rifuĝejo aŭdante aeroplansimilan bruon. Sekvantan tagon, oni ree flaris la danĝeron; eĉ jam pli proksime ol antaŭe: Je unukilometra distanco de Bechi. La nervoj komencis ekscitiĝi. Jenaj kuriozaj diroj saltis de buŝo al buŝo:

> Almenaŭ tie, en la fronto, kvankam ĉevalforte ni laboregis, ni havis pli aŭ malpli bonajn rifuĝejojn. Se venis la bombuloj, k estis ordono resti ĉe la kanonoj, por pafi, ĉio estis afero pri bona aŭ malbona sorto. Se tia ordono ne ekzistis, ni povis trovi ŝirmon en la rifuĝejoj, kiujn kun ofero de ŝvito ni faris. Tiam oni pensis: Se bombo falas celtrafe, malbonŝanco! Kaj se la bombo falas apude, ni estas ja ŝirmataj kontraŭ la mitralo k ŝtonoj. Sed tie ĉi, en Bechi, kion ni havas? Nenion! Krom maltrankvilo, sendormaj noktoj k senpacaj tagoj. Ĉu ripozo? Ne! Angoro k laciĝo!»

Preskaŭ oni volis reiradi al la fronto! Eĉ oni debatis pri tio, kvankam la debato daŭris mallonge. Dum bela posttagmezo, mi iris alporti la ĵurnalojn. En la placo mi renkontis hispanon, kiu sciis la germanan lingvon. Tio ja estas maloftaĵo! Mi haltis k ekparolis kun li. Subite, ni ekaŭdis kontraŭaviadilajn pafojn en la aero, mem super ni. Inter la homoj, troviĝintaj tiam sur la placo, regis paniko, k baldaŭ ili malaperis en hazardajn ŝirmejojn. Instinkte, mi eniĝis en apudan domon. Post momento ĉio ĉesis, kiam abrupte aŭdiĝis la bruo de flugantaj motoroj k tuj la, tre konata al ni, aerfajfegado de falantaj bomboj. Tiu zumado estas plej teruriga, ĉar ĝi estas senindulga mortportanto. Ĝi ne haltas plu en la aero! Ĝi falegas, eksplodegas, detruegas, mortigas, kripligas, frenezigas k faras ĉion ajn, kion la homo abomenas...

Aŭdante tiujn, aerfajfegojn, estante eĉ en ŝirmejo, oni enrulas la kapon profunde en la korpon aŭ en la teron. Fulmorapide, mi kuris al la fosaĵo de la vilaĝa placo. Ĝis tiam, mi «malŝparis» tempon. Mi pensis, ke mi jam iros kiam ili proksimiĝos. Sed ili proksimiĝis ruze, k mi ilin ne aŭdis. Kiam apenaŭ mi atingis la aperturon de la rifuĝejo, falis bombo, ĉe ok metroj je distanco, sur domon; ruinigante ĝin komplete. La eksplodoforto ĵetegis min sur la ŝtuparon k, barelmaniere, mi enrifuĝejiĝis. Interne, mi aŭdis pluajn eksplodojn; poste mi reaperis ekstere. La placo ŝajnis dezerto. Sanitaristo kuris, kun vato k gazo en la mano, por doni la unuan helpon al la vunditoj. Mi iris levi naŭjaran etuleton, kiu agoniis pro frakasita kapo. Poste, mi returnis k, helpata de aliaj, mi povis kun granda peno eltiri du ŝtonkovritajn virojn. Nur iliaj kapoj estis videblaj; tial ni devis ankaŭ fortiri duonmurojn de la renversita domo. Fine, ni sukcesis; la stato k aspekto de la du malfeliĉuloj estis, kompreneble, nepriskribebla.

Tuj post tio, mi rapidis al la baterioj por eventuale helpi en io. «Grunberg estas grave vundita!» mi aŭdis... Diligente oni lin alportis sur brankardo. Li kriis; ho, kiel multe li kriis! La ventro ege doloris al li. La klaviklo estis frakasita; la kapo, la manoj k la brakoj eble ankaŭ. Tamen, li nur plendis pro la ventro. Sub la plej suba ripo aperis la sangaj lipoj de stranga vundeto. En la hospitalo oni konstatis, ke bombero eniris tra tiu lasta loko k faris dek ŝirojn en la intestoj. Li mortis, unu tagon post la operacio, en mezo de neeltenebla suferoj. Jen do viro alta, forta, sana, larĝŝultra, bela k energioplena, kiu devis kapitulaci antaŭ la morto. Li, unu el la plej fidelaj kamaradoj de la baterio «Karl Liebknecht», mortis murdita de perfida klaso, kiu nepre volas sklavigi la homaron. Li mortis en sia posteno, batalante kontraŭ nia komuna malamiko, murdita de la italogermanaj grandfinancistoj, same kiel Karl Liebknecht mortis ankaŭ murdita de kruelaj membroj de la germana grandkapitalismo.

«Grunberg, aŭdinte pri cia morto, ĉiuj ni ĵuras venĝi cian noblan personon, kiun rabis el niaj vicoj la detruantoj de la civilizo. Ni luktos ĝis lasta homo k neniam ni kapitulacos!» Tion pensis ĉiuj baterianoj tra la silento, kiu regis inter ni, kiam la maljuna serĝento Poldi venis porti al ni la malĝojan novaĵon el la hospitalo.

Jen, amiko-leganto, nun jam certe vi havas pli klaran scion, multe pli kompletan opinion, pri la signifo de la vorto «ripozo» en la gravega hispana milito...

## NIA FIDO ESTAS FIRMA!

La milito daŭras k daŭras! Eble, tio okazas iel mirige por la strabaj rigardoj de kelkaj demokratoj—per ia titolo oni devas ilin nomi...— Jes; la milito daŭras k daŭras, dum kreskas la kapablo k potenco de la Popola Armeo. La malnova armeo ribelis kontraŭ nin! Tial ni estis devigataj frakasi ĝin. Per malspertaj milicanoj ni komencis la defendon de niaj propraj rajtoj.

La faŝistoj vokis fremdulojn por atingi la subpremadon de ĉiuj hispanoj. Necese estis do transformi la milicojn je Regula Popola Armeo, ĉar efike batali, kontraŭ bone organizitaj fortoj, povis nur ankaŭ aliaj bone organizitaj fortoj. Tuj staris kontraŭ la ribelaj bandoj la fidelaj soldatoj!

La hispana junularo rekrutiĝis k masonis la bazon de la nuna rezistado. Ĝi ankaŭ scias mem ataki, neniam perdante fervoron nek fidon pri la venko. Ne ja romantika fido! La venkon ni atingos post suferoj, kiuj ankoraŭ ne finiĝis. Nin atendas luktoj, bataloj k oferoj por dorloti finfine la triumfon; bela rezultato, kiu decas k nepros. La estonteco poluras nian deziron, la invado postulas nian devon k la fido hardas nian forton.

Fido ne estas revo! Ni konas nian malamikon. Tial, ni volas fariĝi pli fortaj ol ĝi. La rekrutoj venas k venas; ili fluas k fluas. La milito daŭras k daŭras. Dume, la Armeo plifortiĝas, plidensiĝas k pliperfektiĝas.

Hodiaŭ, kiam la malamiko puŝas, niaj rezistemaj cedoj donas garantiojn pri fiasko de ĝia ofensivo. Morgaŭ, tiu sama fanfarona malamiko iregos malantaŭen, jam por ĉiam. Celante tion, la laboro ne haltas en fronto k postfronto, en kampoj k fabrikoj. Kaj, hele venos nia Tago! Ni gajnos ĉion malgraŭ provizoraj perdoj. La freŝaj folioj de laŭro karese juketos nian frunton...

Estu certaj pri tio, ho karaj amikoj!

Ernesto HURTADO

Fronto de Pozoblanko, 28-Septembro-1938.

## TRE INTERESE POR NEDERLANDANOJ!

Sub trafa titolo «La Internacia Faŝismo detruas la Arton de Hispanio» finfine aperis la tiom sopire atendata broŝuro, kiun esperantlingve eldonis la Nacia Patronado pri Turismo en Hispanio.

La bildoj (duonpaĝaj fotaĵoj) estas imponaj, tre taŭgaj por konvinki pri la detruemo de la faŝistoj. La preso estas klara k arta kun verdaj literoj. La stilo estas korekta k flua. La verketo montras la utilon de Esperanto ĉe aferoj, kies gravecon atentas la internacia opinio.

La 32-paĝa eldonaĵo estas senpage havebla. Nederlandanoj devas sin turni, aldonante poŝtmarkon de 4 cendoj por alsendo, al

**P. G. VAN DER PLANK**

Speijkstr. 48, I.—Amsterdam

## ADIAŬO AL TIUJ, KIUJ NUN FORIRAS

En sia armeo, el sepcent mil soldatoj, la Respubliko kalkulis nur je malgranda nombro da eksterlandaj volontuloj; entute, proksimume, dekkvin mil.

Por definitive detrui la bazon de ĉia preteksto celanta pravigi la intervenon de kompletaj italaj divizioj en nia milito, la ĉefministro doktoro Negrin, en lasta kunveno de la Ligo de Nacioj, anoncis la gravan decidon de la Registaro tuj retiri ĉiujn eksterlandanojn, kiuj libere k volonte venis batali apud la hispana popolo. La decidon oni aplikos baldaŭ, sub kontrolo de internacia Komisiono. La decido validos rigore, sen ia escepto, por ĉiuj eksterlandanoj, eĉ por tiuj, kiuj akiris oficiale la hispanan civitanecon post la 17. Julio 1936. Nia Registaro sukcesos pruvi per tio, ke nia batalo estas afero solvenda nur inter hispanoj, por eviti komplikaĵojn en la interna politika vivo de aliaj landoj.

La cinika Komitato pri la Ne-Interveno (!?) jam ne plu rajtos malpurigi rismojn da papero, por trompi la popolamasojn ŝajnigante, ke en Londono oni vere deziras la foriron de tiuj fremdaj invadintoj, sen kiuj la ribeluloj jam longe estus fiaskintaj. Por neniu estas sekreto ke la Komitato mem konsentas aŭ helpas la murdojn, kiujn semas, sur civilaj loĝantaroj, la germanaj k italaj aviadistoj.

En la solena momento de la adiaŭo al tiuj fervoraj amikoj, kiuj, miksante sian sangon kun tiu de la hispanoj, donis spertojn k normojn de armea disciplino, dum malfacilaj etapoj, ne decas emfazaj nek lirikaj vortoj. Sed, la hispanoj, solaj jam en sia tragedio, konservos eterne emocian dankon por tiuj internaciuloj, kiuj nun foriras sentante profundan respekton por la sankta memoro de tiuj aliaj, kies korpoj ripozas sub pia kovrilo el tiu sama tero hispana, kiun ili tiel ĝentile k malavare helpis liberigi...

LA BATALO EN EKSTREMADURO

## DEFENDANTE NIAN HIDRARGON!

En Ekstremaduro niaj soldatoj, malpli sensacie ol apud la rivero Ebro, plenumis gravegan taskon: Haltigi la iradon de la faŝistoj al la vilaĝo Almaden, kie ekzistas la plej valoraj minoj de hidrargo el la mondo.

Ili ja estas treege firma ekonomia garantio por la Respubliko!

En direkto al ili, dum kelkaj tagoj, la malamiko minacis renversi ĉiujn barojn k formanĝi la ŝatatan viandon. Imponaj bataloj okazas hodiaŭ sur granda ebenejo nomata la ekstremadura Siberio, kiu etendiĝas ĝis la proksimeco de tiu riĉa mineja zono. Antaŭ unu monato k duono, ĉi tiun terenon mem posedis la malamiko, sed la aŭdacaj kontraŭatakoj de niaj brigadoj regajnis la perditan ŝlosilon de nia trezorejo.

De loko al loko, pro fajro de eksplodoj, en la dezerta regiono sen arboj nek rokoj, aperas malgrandaj brulaĵoj. Sen zorgo pri tio, niaj patroloj antaŭeniras esplorante la terenon. La artilerio ĵetas abundajn obusojn sur la ebenaĵon. Nia aviadilaro garde flugas ĉe la supro. En lerta kunlaboro kun ili, la infanterio okupas tranĉeojn k alsaltas parapetojn. Oni kaptas kaptitojn: ne estas malfacile paroligi ilin. Tre volonte ili rakontas abomenojn: Ili diras, ke *tie* daŭre kreskas la subpremo k sinsekvas la pafmortigoj; la mizero kruele grimacas, la kamparanoj ne povas aĉeti robojn k, pro tio, ili faras siajn vestojn el malnovaj sakoj, ĉar neniam estis tiom granda la diferenco inter la salajroj k la altaj vivokostoj.

Kun brilo en okuloj, pro flama deziro forviŝi tiajn makulojn, la popolarmeanoj en Ekstremaduro alproksimiĝas pli k pli al la difinitaj konkerendaj pozicioj. La batalantoj, kantante iredentajn kantojn, lasas malantaŭen, ĉiufoje pli malproksimaj k pli sekuraj, la hidrargajn minojn.

La popola ofensivo jam estas en plena apogeo! Italio k Germanio rompis tie siajn dentojn. Rigore fermita estas por ili la ŝoseo al Almaden, dum loge promesplenaj estas por ni la vojoj kondukantaj al la ĉefurboj, nun sklavigitaj, de la okcidenta parto de Hispanio.

Antaŭen ni ekmarŝu, kamaradoj! Ni estu pretaj ĉiam plenumi la devon, sub la suno aŭ sub la frosto. Kun fervoro, sen hezito, kiel decas al viroj! Kaj... nu, bone; mi forlasas la krajonon k prenas la fusilon, ĉar jen ree aŭdiĝas la akra tamburado de la maŝinpafiloj k la tondra zumado de niaj kanonoj...

ANONIMA TRANĈEANO

Fronto de Ekstremaduro, 20 - Septembro - 1938.

# LA NEDERLANDA HELPO AL HISPANIO

La nederlanda Komisiono «Helpon al Hispanio!» en sia lasta speciala konferenco, por la nederlanda gazetaro, ĝentile ankaŭ invitis nin, kiel eldonintojn de la nacilingva traduko de POPOLA FRONTO. Dum paŭzo, volonte mi kaptis la okazon klarigi la signifon k valoron de Esperanto, praktika rimedo, kiu ebligas la aperon de tiaspecaj gazetoj. Miaj vortoj estis konvinkigaj ĉar ilin akompanis konkretaj materiaj pruvoj. Estas interese iomete raporti pri la konferenco mem: Ĉeestis proksimume 12 delegitoj de nederlandaj ĵurnaloj. Kompreneble, nur la progresema parto venis! La prezidanto insiste rekomendis al la ĉeestantoj, ke ili precipe menciu, en siaj gazetoj, ke la Komisiono «Helpon al Hispanio!» ne estas ia komunista entrepreno, sed nur tia, kia estas la hispana Popolfronto, nome: Demokrata, progresema, libereca k antifaŝista unuiĝo. De certa flanko, oni disfamigis, ke «Helpon al Hispanio!» estas kvazaŭ ariĝejo de komunistoj. Tion oni asertadas por malprofiti al la bona k subteninda penado de tiu komitato. La eraroj de tiu aserto montriĝis, kiam la prezidanto menciis la nomojn de la personoj, kiuj troviĝas en la estraro: Progresemaj scienculoj, konataj socialdemokratoj (kiu konas la situacion en Nederlando tuj komprenos, ke la ĉeesto de socialistoj estas absoluta garantio pri nenia politika monopolo) k multtendencaj homoj, el ĉiuj tavoloj de la nederlandanaro!

Krome, oni informis nin pri la belega laboro, kiun ĝis nun faris tiu aktiva Komisiono. Ĝis la fino de lasta jaro, oni transportis al Hispanio proksimume 22.000 guldenojn. En kuranta jaro, tiu sumo grave altiĝis; de Januaro ĝis Majo kolektiĝis jam pli ol 26.000 guldenoj, krom la sufiĉa mono por la infandomo, kun ĝia flegistaro, en Picaña (Valencio). Nur etan kvanton (6 $_0/^0$) de la enspezoj oni uzas por administraj laboroj. Jam pli ol 30 subkomisionoj funkciadas en Nederlando, kiu ja per ĉio ĉi efektive donas bonegan instruon al aliaj pli grandaj Demokratioj el Eŭropo! Tiun konferencon ĉeestis la ĝenerala hispana konsulo en Nederlando; li finis sian alparolon kun jenaj vortoj: «Ni tute ne posedas inklinon al venĝo, sed en ni pasie vivas la arda deziro, necede daŭrigi nian lukton, ĝis kiam ni estos konkerintaj la plenan venkon!» La prezidanto S. de Wolff adiaŭis la kunvenintojn kun varma deziro, ke la oferemo por Hispanio ne malpliiĝu. «La hispana afero ankaŭ estas nia! Temas en ĝi pri plena libereco k demokratio por ĉiuj homoj de la mondo.»

Mi mem tre emas fermi la raporton kun vigla alvoko al ĉiuj legantoj, nelacigeble subtenadi la belan heroldon, kiun tra tuta Esperantio, malgraŭ egaj malfaciloj, sendas niaj amikoj el Valencio. Pensu atente ĉiuj laboristoj, ke nepra neceso postulas kunigi lojale la fortojn por ekstermi la faŝistajn bandojn en Hispanio, k nur poste ni jam okupos nin pri la internaj problemoj de la hispana proletaro. (Almenaŭ, se la faktoj montras, ke la hispana popolo tion deziras k... bezonas!)

H. J. NIEUWENHUIZEN
Hago (Nederlando)

BONHUMORA FENESTRETO

# LA NACISOCIALISMO

La klarionoj de ĉiuj informaj agentejoj sensacie fajfis okaze de la intervidoj de Hitler kun Chamberlain. Tamen, neniu kroniko raportis pri alia intervido, ĵus okazinta inter la bela Adolfo k kurioza komisiono el vilaĝaj partiaj gvidantoj, kiuj avide deziris akiri ĝustan komprenon pri la Nacisocialismo. La rakontinda neniel rakontita epizodeto disvolviĝis jene:

Hitler akceptis la kamparanan delegitaron en luksa ĉambro de la kancelario. Li aŭskultis emfaze la gravan peton k meditis momenton. Temis ja doni facilan k impresan klarigon pri la benoj de la bruna pursanga reĝimo. La Mastro-dio de la tria regno, kun afekta pozo, kombis per la mano sian popularan tufon k, kvazaŭ ĵonglisto, elharigis spritan ideon por doni solvon al la tikla demando.

Seriozmiene, li alkondukis la delegitojn ĉe balustrado de la centra balkono k, montrante al ili la straton, demandis subite: —Kion vi vidas tie?

—Tri aŭtomobilojn! — respondis aŭtomate la gapaj scivolemaj demanditoj.

—Nu, post unu jaro, anstataŭ tri estos tricent.— Diris Hitler, kiu fingromontrante malproksimen, al la horizonto, ree demandis: —Kaj nun, kion vi vidas?

—Unu aviadejon!

—Nu, bonege, post unu jaro anstataŭ unu, funkcios dek. Tio jen estas la Nacisocialismo!—Bombaste fieris la plejsupera komandoro de la Hokokruco.

La kamparanaj kavaliroj de la Bruna Ordeno foriris, iomete konfuzitaj, el la palaco. Tre rapide ili veturis al sia malproksima vilaĝo.

Tie, jam en la partia domo, ilin ĉirkaŭis la ceteraj membroj, kiuj senpacience atendis la konkretajn promesitajn difinojn pri la Nacisocialismo. La malplej stulta el la delegitoj ricevis unuanime la honoran taskon, fidele transdoni la vortojn de la Majstro. Embarase li fingrumis al si la mentonon k filozofeme gratis la tempion. Post tiuj preparaj ceremonioj, li invitis la ĉeestantojn alproksimiĝi al modesta fenestro, tra kies kadro aperis mizera kampara panoramo.

—Diru, kion vi vidas tie, sur la strato?—li grave demandis.

—Du almozulojn!—Oni ĥore respondis.

—Nu, post unu jaro, anstataŭ du estos ducent!—li papagis

—Kaj tie, kion vi vidas?

—Unu tombejon!—Diris la samideana rondo.

—Nu bonege, post unu jaro, anstataŭ unu funkcios dek. Tio jen estas la Nacisocialismo!—Aplombe asertis k plaĉe spiris, libera je peza zorgo, la vilaĝa teoriulo de la germana Brunismo.

# LASTA OFERO DE NIAJ VOLONTULOJ

La malfeliĉaj italaj «volontuloj» kiuj interveras en Hispanio deziras foriri k ili ne povas fari tion, dum la internaciaj brigadanoj—tre veraj volontuloj—ne volas forlasi la batalon k tamen ili devas foriri por obei lastan decidon de la Registaro, kiu sukcesis pruvi je kiu flanko ekzistas aŭtentika volo hispanigi la hispanan konflikton. Okaze de tiu lasta ofero, kiun la eksterlandaj batalantoj plenumas, Andreo Marty, sincera amiko de Hispanio k unu el la ĉefaj organizintoj de la Internaciaj Brigadoj, je ties nomo deklaris, ke ĉiuj eksciiĝis kun larmoj en okuloj pri la klara propono de doktoro Negrin en Ĝenevo.

Andreo Marty konkludas, ke la fundamenta forto de tiuj veraj antifaŝistoj estis la unueco, ĉar unuan fojon en la Historio, kune batalis plene volonte por sama afero—por la libereco!—homoj de pluraj landoj, de diversaj partioj k de malsamaj religioj. Tie ĉi, ili plene interfratiĝis; pro tio Hispanio estas nun por ili preferata ideala patrio. Kaj hodiaŭ, per sia foriro, ili faras la plej grandan oferon por la bono, sub nova fazo, de nia celado al iu efektiva paco, kiu neniel parencas kun tiu maldeca paco, kies ĉifonojn svingas turisme hipokritaj aŭ kanajlaj diplomatoj...

**Reĝiono, kiun ĝajnas la despotismo estas reĝiono, kiun perdas la esperantismo!**

# RIMARKO

Kun tiu ĉi numero finiĝas la dua jarkolekto de POPOLA FRONTO. La unuan jarkolekton bindis multaj legantoj. Ni tre multe ĝojus scii ĉu ankaŭ tiu ĉi duajara dokumentaro esperantista pri nia milito, meritas ĉe multaj, por bona konservado, la honoron de bindiĝo.

## Sovetiaj Amikoj, Atentu!

Pluraj legantoj el Sovetio ne scias kiamaniere subteni la eldonon de nia gazeto. Responde al ili, ni rekomendas sendi al ni ĉiuspecajn esp. librojn per kiuj ni povas akiri facile hispanan monon.

Helpu nian laboron per amasa libro-sendado!

## POPOLFRONTA LETERUJO

V. J.--Vaikula.—Ni notas k dankas vian deziron batali en nia lando kontraŭ la faŝismo, sed ni volas konvinki vin, ke ankaŭ en via lando vi povas helpi nin, ĉar nia afero bezonas amikojn k kunlaborantojn en ĉiu lando. Ne gravas, ke vi ne povas pagi, vi daŭre ricevos la gazeton, ĉar aliaj sindonaj k doj pagas por vi. Baldaŭan resaniĝon!

K. Visser.--Amsterdam.—Dankon por via letero k respondkup. La poŝtmarkoj de vi petitaj jam elĉerpiĝis.

Lindmark.—Kungsor.—La gazeton ni sendas al vi regule, k la broŝuro estis sendata senpere de la Barcelona oficejo ĉe la Nacia Patronado pri Turismo; eble vi jam ricevis ĝin. Dankon por via donaco!

C. Kleywegt.—Den Haag.—Ni turnis nin al la koncerna organizo kun peto por sciigoj pri la k do de vi menciita; al tiu organizo ni petis respondi rekte al vi.

Burda Rudolf.—Plzen.—Ni dankas vian leteron 14-IX, kies interesan enhavon ni notis. Viajn du antaŭajn leterojn ni respondis oportuntempe perletere.

R. Albero.—Fronto.—La petitajn librojn k gazetojn ni sendis al vi. Via anonco jam aperis en la lasta numero.

E. E. Yelland.—Aspremont.—Ni dankas viajn gratulesprimojn rilate la eldonon de la broŝuro kies transsendon al la angla ĵurnalo vi mencias. Salutojn!

P. Thorsen.—Kopenhago.—Ricevita via poŝtkarto, ni notas vian adreso-ŝanĝon k dankas viajn bondezirojn k salutojn, kiujn ni reciprokas obstine antaŭen!

Preseio de J. Olmos, Alicante, 33, Valencia

## KORESPONDADO

**Simpla trilinia anonceto 4 f. fr.**

HISPANIO.—Juna kataluno K-do Miguel Fábregas, Nápoles 213, 4.º, 1.ª, Barcelona, dez. kor. kun geesp-toj el tutmondo.

HISPANIO. K-do Miguel Sánchez, Gorgonio Martínez, Francisco Rios k M. Torres Busquets dez. kor. k interŝ. leterojn, poŝtkartojn, portretojn, ĵurnalojn, ilustritajn revuojn, ktp. Certa respondo, Adreso: 38 División, 103 Brigada Mixta, Base 3.ª, C. C. 8, Puesto mando.

HISPANIO.—Por ĉefronta murgazeto sendu k sendigu salutleterojn k solidaresprimojn de viaj partiaj k sindikataj organizoj, afiŝojn, fotojn, ktp. Al ĉiuj sendaĵoj ni garantias respondon. Adreso: K-do J. Oleart, 72 Brigada, 286 Batallón, Compañía Ametralladoras, E. 43 Pirineo.

NEDERLANDO.--Kiu sendos al mi 50 diversajn maldifektajn poŝtmarkojn de sia lando ricevos 73 diversajn maldifektajn poŝtmarkojn de Nederlando k Ned. Hindio. Adreso: H. J. Jansen, Brederodestr. 99 Amsterdam.

HISPANIO.—K-do Luis la Iglesia Pérez, 25 Batallón de Ametralladoras, Plana Mayor, Base Turia n.º 1, E. 25, C. C. 17, dez. kor. k. ĉ. l. kaj p. ĉ. t.

USONO.—K-do John L. Spence, Box 74, Three Rivers, Tulare County, California, dez. kor. per leteroj aŭ poŝtkartoj kun hispanaj gek-doj.

HISPANIO.—K-do Ramón Punti, 136 Brigada Mixta, Compañía Ingenieros, Base 1.ª, C. C. 4, dez. kor. kun ĉiulandaj gek-doj.

## PRI LA BROŜURO

Ĉiu leganto deziranta ricevi tute senpage la broŝuron pri la arto detruita en Hispanio, bonvolu tuj sin turni al jena adreso:

Patronato Nacional de Turismo
Diagonal 56, BARCELONA
(Hispanio)

## NIA MUNICIO

| | | |
|---|---|---|
| Valencia Esperantistaro. . . | 40 | ptoj. |
| J. A. C.—Onteniente . . . . | 25 | » |
| M. D. F.—Bazo 3.ª. . . . . . | 20 | » |
| S. M. Bazo Turia. . . . . | 15 | » |
| J. E. C.—Garaballa. . . . . | 20 | » |
| G. V.—Barcelono . . . . . | 25 | » |
| M. B.—Cartagena. . . . . . | 10 | » |
| M. F.—Barcelono. . . . . . | 5 | » |
| M. S.—Bazo 3.ª. . . . . . | 18 | » |
| F. D.—Barcelono. . . . . . | 100 | » |
| J. O.—E. 43 Pirineo. . . . . | 30 | » |
| A. S.—Callosa de Segura. . . | 15 | » |
| F. R. R.—Bazo 3.ª . . . . . | 50 | » |
| F. H.—Barcelono. . . . . . | 32 | » |
| A. M.—Callosa de Segura . . | 12 | » |
| J. B.— » » . . | 5 | » |
| L. I. P.—Bazo Turia. . . . . | 25 | » |
| P. C.—Jefatura C. C. 1. . . . | 15 | » |
| J. B.—Cartagena, . . . . . . | 16 | » |
| A. E.—Bazo 8.ª. . . . . . | 20 | » |
| A. G.—Bazo Turia. . . . . | 25 | » |
| E. H. A.—Bazo 3.ª. . . . . | 100 | » |
| R. Q. Fronto . . . . . . | 14 | » |
| E. G. B.—Fuencarral. . . . | 5 | » |
| E. V.—Barcelona. . . . . . | 20 | » |
| J. E. C. Fronto. . . . . . | 9 | » |
| F. C.—Cartagena. . . . . . | 25 | » |
| M. M. Madrido. . . . . . . | 25 | » |
| S. M. G.—Bazo Turia. . . . | 10 | » |
| M. M. C.—Reus. . . . . . | 25 | » |
| R. P.—Bazo 1.ª . . . . . . | 25 | » |
| J. B.—Cartagena. . . . . . | 25 | » |
| L. A. P.—Bazo 3.ª . . . . . | 40 | » |
| N.—(6.ª)— Haarlem. . . . | 0,80 | gd. |
| M.—(5.ª)— » . . . . | 0,80 | » |
| v. d. L.—(2.ª)— » . . . . | 2.40 | » |
| g. v. O.—(5.ª— » . . . . | 1,40 | » |
| v. d. L.—(2.ª)— » . . . . | 2,40 | » |
| L. V.—(2,ª)— » . . . . | 0,90 | » |
| v. d. L.—(6.ª,— » . . . . | 1,20 | » |
| N.—(6.ª)— » . . . . | 2,98 | » |
| L. V.—(5.ª)— » . . . . | 2,65 | » |
| v. d. L.—(4.ª)— » . . . . | 2,65 | » |
| E. Grupo.—(10.ª)—Ymuiden. . | 4,80 | » |
| g. v. O.—(10.ª)—Haarlem. . . | 1,75 | » |
| L. V.—(4.ª)— » . . . | 0,20 | » |
| L.—(10.ª)— » . . . | 1,20 | » |
| g. v. O.—(10.ª) » . . . | 1 | » |
| D. O.—den Haag. . . . . . | 0,95 | » |
| J F.—Utrecht. . . . . . . | 1 | » |
| D. v. M.—Amsterdam W. . . | 0,20 | » |
| K-do L.— » » . . . | 0,20 | » |
| D. V.—Portugalio . . . . . | 2,50 | » |
| B. H.—Leenwarden. . . . . | 1 | » |
| J. O.—Ymuiden. . . . . . | 0,50 | » |
| J. S.— » . . . . . . . | 0,25 | » |
| K. d. O.— » . . . . . . | 0,25 | » |
| P. S— » . . . . . . | 0,50 | » |
| H. K.— » . . . . . . | 0,50 | » |
| H. V.—Amsterdam W. . . . | 0,75 | » |
| G. J. W.—den Haag. . . . . | 2,50 | » |
| J. P.—Breezand. . . . . . | 10 | » |
| F. v. E.—Sonburg. . . . . . | 1 | » |
| D. K.—F. L. E.—Sekcio X. . | 0,64 | » |
| H: J. J.—Amsterdam . . . . | 0,50 | » |
| F. Z. Heerlem. . . . . . . | 2,50 | » |
| M. v. E.—Oosterleek W. . . | 1 | » |
| G. B.—Amsterdam. . . . . | 1 | » |
| D. S. V.—Arnhem. . . . . . | 2,50 | » |
| F. Z. L.—Eindhoven . . . . | 1,50 | » |
| F. v. d.—Meiden Utrecht. . . | 2 | » |
| C. P.—(6.ª)—Molenbeek. . . | 30 | fr. bl. |
| L. W.—Embourg. . . . . . . | 20 | » |
| R. V.—Beyne Heusoy. . . . | 7,50 | » |
| M. D.—La Louviere . . . . | 10 | » |
| O. F.—Ensival . . . . . . . | 5 | » |
| R. D.—Ostende. . . . . . . | 20 | » |
| C. D.—Willebroeck. . . . . | 10 | » |
| B. R.—Plzen C. S. R. . . . | 60,24 | ffr. |
| R. B.—Soncoins Chec. . . . | 20 | » |
| R. G. O.—Metevanku U. S. A.. | 35,70 | » |
| A. A.—Savigny. . . . . . . | 3 | » |
| P. E. U.—Sek de l. P. E. . . | 20 | » |
| W. N.—Oulu. Finlando . . . | 38 | » |
| J. B.—Reinowitz C. S. R. . . | 12,14 | » |
| E. W.—Brno C. S. R. . . . | 37,04 | » |
| M. J.—Toulon. . . . . . . . | 15 | » |
| P. T.—Beautheil. . . . . . . | 10 | » |
| J L. V. Velke.—C. S. R. . . | 10 | » |
| A. G. P.—Porenpine. Kanado . | 35 | » |

## ABONMANIERO

Nia gazeto ne havas fiksan abonprezon. Ĝi eldoniĝas nur per laŭvola individua monhelpo de sia legantaro. Ni elektis tiun sistemon ĉar tiel, ĉiu kroma sumeto de tiuj, kiuj povas pagi iomete plie, ebligas la ricevon de agrabla legaĵo al multaj, kiuj pro senlaboreco, aŭ aliaj kaŭzoj, ne povas pagi sian propran kotizon. Tial, se la enhavo k celo de la revuo estas por vi aprobinda k plaĉa, pagu vian liberan abonon al iu.ajn el niaj internaciaj agentejoj:

GENERALA INTERNACIA ADRESO
nur por mono
GUSTAVE FARENC
53, Rue Brise-Pain
Poŝtĉekkonto 13944 Orleans
ORLEANS (Loiret) FRANCIO

NEDERLANDA ADRESO
nur por mono de holandanoj
PETRO van der PLANK
Van Speijkstraat, 48-I
poŝtĝiro 245542
AMSTERDAM W. Nederlando

BELGIO
K-DO M. DELFORGE
33, Rue de Heigne
Postĝiro 199106
CHARLEROI

ANGLIO
K-DO O. MELTON
23 Fowler Str. Nechells
BIRMINGHAM 7

SVEDIO
ARBETAR ESPERANTISTEN
Barnhusgatan 8 ö. g. n. b.
Postĝiro n.º 53411
STOCKHOLM

REDAKCIA ADRESO POR ĈIO ALIA

**POPOLA FRONTO — Mar, 25, Valencia (Hispanio)**